

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero 1/2009: januaro 2009

---

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 9an de januaro 2009 kompare kun la versio de la 6a de oktobro 2008.

**La ĉefaj projektoj**

**Instr-I** La 9an de decembro 2008 finiĝis la katedra kurso pri interlingvistiko post dek kvar sesioj de po tri horoj, donitaj ĉiumarde de la 10a al la 13a horo en salono 451 de la Hooft-Domo. La 14 studentoj estis submetitaj al tri intertempaj ekzamenoj, kiuj okazis la 23an de septembro, la 28an de oktobro kaj la 25an de novembro. La fina ekzameno okazis la 6an de januaro 2009. La definitivaj rezultoj ne estos konataj pli frue ol post la 'riparekzameno' fine de januaro. La Cseh-leciono fare de Atilio Orellana okazis ĉi-kurse la 14an de oktobro.

**Instr-E** La 3an de februaro komenciĝos la katedra kurso de Esperanto. La kurso estas afiŝita en la elektronika studejo *Blackboard* de UvA. Ĝis la momento de publikigo de tiu ĉi informilo aliĝis 11 studentoj, sed la registrebleco restos malfermita ĝis la fino de januaro. La Esperanto-kurso estas reklamata ankaŭ en la prestiĝa broŝuro de la *Illustere School*, la novstila instituto kun pagendaj universitatnivelaj kursoj por ĉiu interesito, sendepende de ties kvalifikoj (kurskotizo: € 225).

**NTU-E** La 15an de novembro 2008, dosiero de 171 (pliparte nerektaj) elnederlandaj pruntaĵoj en Esperanto estis transdonita al la ĉefredaktorino de la NTU-projekto pri nederlandaĵoj en aliaj lingvoj ĝenerale. La projektlaboro estas haltigita ĝis la mezo de januaro pro du aliaj taskoj kun nepra prioritato. Dume, estis ricevitaj kelkaj reagoj al miaj alvokoj por kunlaboro, aperintaj en *Fen-X* kaj en *Horizontaal*.

**Tipologio** Finiĝis la laboroj pri relative ampleksa anglalingva tipologia priskribo de Esperanto por LPLP aŭ simila internacia faka revuo. La unuan malneton prikomentis Humphrey Tonkin kaj Detlev Blanke. Fine de novembro, la manuskripto de iom

koncizigita versio estis submetita al redakcio, kie ĝi restos sub embargo ĝis la aprobo aŭ malaprobo por publikigo.

**Krome**

- La 9an de oktobro, la dekana oficejo informis pri la decido de la universitata estraro aprobi la nomumon de WJ al la speciala profesoreco pri interlingvistiko kaj Esperanto. La 16an de novembro IEI konfirmis la aprobon, kio signifas, ke la profesoreco ekvalidis la 1an de novembro por kvinjara periodo. La informoficejo de UvA disvastigis la novaĵon tra siaj kutimaj kanaloj, plej laste en sia anglalingva retbulteno: http://www.english.uva.nl/news/professorappointments.cfm.

  Por la 31a de januaro estas planata kunveno en la Andreo Cseh-Domo en Hago por diskuti aspektojn de la katedraj taskoj pri instruado kaj esplorado dum la venontaj jaroj, pli speciale la planadon de la inaŭgura parolado sekve de la profesoriĝo de la katedrulo.

- La 20an de oktobro estis kreita, surbaze de libervola aliĝo, retpoŝta rondo de studintoj kaj studantoj pri interlingvistiko kaj Esperanto, mastrumata de WJ. Momente ĝi havas 38 membrojn, kiuj estas retpoŝte provizataj per novaĵoj pri Esperanto, esperantologio kaj interlingvistiko, ne laŭ iu fiksa periodeco, sed laŭokaze kaj laŭbezone. 'Novaĵoj' ne estas ĝeneralaĵoj el la E-movado, sed eventoj kun specifa intereso por la studentoj: la aĉeto fare de la universitata biblioteko de novaj libroj koncerne la fakon (kiel la literaturhistorio de Geoffrey Sutton), atentigo pri esplorkampoj por bakalaŭraj aŭ magistraj diplomverkoj, atentigo pri staĝo-okazoj (ekz. dum la UK en Bjalistoko), atelieroj pri Esperanto, vizitindaj retejoj, k.t.p.

- WJ kaj la kuratoro de la katedro, Hans Erasmus, membras en la interdisciplina esplorgrupo 'Babela Eŭropo', kies fonda manifesto en Esperanto-traduko kaj klariga noto estas troveblaj en edukado.net. Instigite de 'Babela Eŭropo', UvA kune kun partnera universitato en Irlando iniciatis la konstruon de tuteŭropa konsorcio de universitatoj, kune preparantaj respondon al konkursinvito de Eŭropa Unio por pristudi aspektojn de la enkonduko de Eŭropunia laborlingvo aŭ *lingua franca*. La esplorprojekto, kies provizora akronimo estas *Velem* (*Vehicular Languages and European Multilingualism*), konsistas el dek taskoj, el kiuj unu, *Vehicular Languages, Education and Language Planning*, temas rekte kaj nerekte pri Esperanto. La propono devas esti submetita al EU antaŭ la 13a de januaro. La unuaj rezultoj de la prijuĝado ne estos konataj ĝis la komenco de majo. En la okazo de venko de la nederlanda-irlanda propono, la laboroj komenciĝos en septembro 2009 kaj havos entutan daŭron de kvar jaroj. Pro la trudita konfidenceco de la projekto dum la konkurenca proponstadio, pliaj detaloj ne estas publike doneblaj en tiu ĉi momento.

- Por la 18a Jarkunveno de GIL en Berlino (21a-23a de novembro), kies temo estis *Esperanto komparata kun aliaj lingvoj*, WJ preparis germanlingvan prelegon pri struktura komparo inter Esperanto kaj la nehindeŭropa eŭska lingvo. La broŝuro, kiu akompanis la Power Point-tipan prezenton, estas afiŝita en edukado.net. La ellaborita teksto aperos en la venontjare aperontaj aktoj.

- La 27an de novembro, laŭ invito de la asocio de studentoj pri lingvistiko, okazis ateliero pri Esperanto, kiun gvidis Atilio Orellana. Partoprenis 11 studentoj en la aranĝo, kiu iom post iom enradikiĝas ĉe UvA kiel tradiciaĵo.

- La 10an de decembro WJ prezentis Esperanton per anglalingva parolado en ne-esperantista konferenco en Bruselo, organizita de Eŭropa Esperanto-Unio. La broŝuro, kiu akompanis la Power Point-tipan prezenton, estas afiŝita en edukado.net.

- Dum decembro kaj la unua semajno de januaro estis verkita ekspertizo pri la doktoriga disertacio *Adpositional Grammars* de Federico Gobbo de la Universitato *Insubria* de Como/Varese (proksime de Milano). La disertacio priskribas Esperanton laŭ la formalismo de la t.n. adpozicia gramatiko.

**Lastatempaj publikigoj**

– Itallingva recenzo en LPLP 32:1 (2008: 64-66) pri Marco Mezzadri (2006) *Esenca lernolibro de la itala lingvo*. Versione esperanto con brevi note contrastive a cura di Davide Astori. (Perugia: Guerra Edizioni).

– Esperantlingva *Naturaj Vortordoj en Esperanto*. Rotterdam: UEA. 40 p. ISBN 978-92-9017-103-4.

– Germanlingva *Baskisch und Esperanto: ein Strukturvergleich*. 16 p. Broŝuro, akompananta paroladon en Berlino, la 22an de novembro 2008, okaze de la jarkunveno de GIL.

– Anglalingva *Esperanto, nobody's springboard, everybody's landing-field*. 20 p. Broŝuro, akompananta paroladon en Bruselo, la 10an de decembro 2008, okaze de la konferenco 'La defio de du- kaj plurlingva edukado en la 21a jarcento' de EEU.